# BELGA ESPERANTISTO

43a Jaro - N-ro 2a - Aprilo 1951

DUMONATA REVUO, OFICIALA ORGANO

DE



REĜA BELGA LIGO ESPERANTISTA

Asocio sen profita celo, aliĝanta al UNIVERSALA ESPERANTO - ASOCIO

SOCIA SIDEJO : 19, avenuo Montjoie, BRUSELO

Respondeca redaktoro : D-ro P. Kempeneers.




P-ro IVO LAPENNA

Estrarano de U. E. A.

kies laboro multe helpas al la disvastiĝo de nia lingvo.

## BELGA LIGO ESPERANTISTA

*Poŝtĉekkonto 1337.67, Bruselo.*

---

### TARIFO DE LIBROJ KAJ PROPAGANDILOJ

*Esperanto, langue auxiliaire internationale*, lernolibro de Edmond Privat ... ... fr. 15.—
*La Mortado*, parolado de Prof. D-ro Hermann Nothnaegel, tradukita B. Seltzer ... ... 15.—
*Bonhumoro*, de Paul Nyssens, laŭ lia franclingva libro ... ... ... ... ... ... ... 35.—
*Medicina Vortaro*, de Briquet ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... 100.—
*Esperanto en un coup d'œil*, 100 ekz. ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... 25.—
*Esperanto in een oogslag*, 100 ekz. ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... 25.—
*Essor de l'Esperanto* (franclingva), 4paĝa grand-formata gazeto, jus aperis n° 6, po ekz. 2.—
Restas ankoraŭ kelkaj numeroj 1, 3, 4 kaj 5.
Abono al *Franca Esperantisto*, po jare ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... 50.—

*Feuillets encyclopédiques de documentation espérantiste :*

Ni altiras la atenton de niaj legantoj pri tiu tre interesa publikaĵo. Ĝi aperas regule; ĉiu kajero aldoniĝas al la antaŭaj por formi dokumentaron nepre necesan al ĉiu kiu interesiĝas pri nia movado kaj volas ĝin propagandi kun celtrafaj argumentoj.

La enciklopedio estas franclingva. Jam aperis 11 kajeroj. La nuna prezo estas 350 b. fr.

# BELGA ESPERANTISTO

OFICIALA ORGANO DE REĜA BELGA LIGO ESPERANTISTA

43a Jaro | Aprilo 1951 | N-ro 2a

# 35a Belga Kongreso de Esperanto

**Bruselo, 12a ĝis 14a de Majo 1951.**

*« Unu Belga nacio - unu nacia Ligo - unu Belga Kongreso. »*

---

**HONORA KOMITATO**

Prezidanto : S-ro D-ro J. VAN DE MEULEBROECK, urbestro.

Membroj : S-ro R. CATTEAU, vic-prezidanto de la Senato, skabeno por Publika Instruado;

S-ro F. BRUNFAUT, vic-prezidanto de la Deputitaro;

S-ro MERTEN, skabeno por Komerco;

S-ro D. TITS, ĝenerala direktoro de la Publika Instruado de la urbo Bruselo.

**LOKA KONGRESA KOMITATO**

Prezidanto : D-ro R. MAES.

Vic-Prezidanto : S-ro H. CASTEL. Help-Sekretariino : S-ino E. ERNST.

Sekretariino : F-ino S. OBOZINSKI. Kasistino : S-ino J. PLYSON.

Festkomitato : S-inoj LEFEBVRE-JANSSEN, E. STAES, kaj WEYN, S-roj JIROUSEK, VAN DER STEMPEL kaj VERDIER.

**PROGRAMO**

**Sabaton, la 12an de Majo 1951.**

*En « Brasserie du Lion d'Or » (Gouden Leeuw), 23, place St Géryplaats (5 minutoj de la Borso); tel. 12.56.81.*

Je la 15a : Malfermo de la akceptejo.

Je la 16a : Fakaj kunsidoj : Belga Esperanto-Instituto, Junularo, Instruistoj, P.T.T., eventuale aliaj, laŭdezire.

Je la 17a : Labor-kunsido : Parolado de la Prezidanto de la L. K. K.
Esperanto kaj radio.
Oratora konkurso.
Propagando.
*Demandu ! Ni respondos !*

Je la 20 h. 30 : Kabareda vespero.

**Dimanĉon, 13an de Marto 1951.**

*En la Preĝejo Riches-Claires (Rijke Klare), apud la Borso :*

Je la 9a : por la Katolikoj, Diservo kun prediko en Esperanto de Pastro Driessen.

*En la Urbdomo :*

Je la 10a : en la Milicia Salonego, akcepto de la Urbestraro.

Parolado de la Urbestro kun traduko en Esperanto.

Respondo de la Prezidanto.
Poste, vizito de la salonegoj de la Urbdomo.
En la Milicia Salonego, solena kunsido de la Kongreso :
a) Malfermo.
b) Raporto de la Estraro.
c) Parolado de la laŭreato de la Oratora Konkurso.
d) Transdono de la premio « Fondaĵo Jennen ».
e) Fermo.
Je la 12 h. 30 : Fotografado antaŭ la Urbdomo.
*En « Moulin d'Or », rue des Pierres, 38, Stenenstraat :*
Je la 13a : Festeno (prezo : 100 fr., trinkmono enkalkulata).
*Urba Muzeo (Maison du Roi - Broodhuis), Granda Placo :*
Je la 15 h. 30 : Vizito de la muzeo, gvidata de F-ino Brunard, konservatorino.
*En « Brasserie Lion d'Or » (Gouden Leeuw), 23, place St-Géryplaats.*
Je la 20a : Dancvespero kun diversaj atrakcioj.

**Lundon, la 14an de Majo 1951.**
Tuttaga surpriz-ekskurso : **Per tramo en la bela Brabanto.**
Je la 9 h. 30 : Placo Saint-Josse, kuniĝo de la partoprenontoj.

*Tramoj.* — De la Borso (apud Magazeno de la Borso), linioj 76, 77.

De la Norda stacidomo : linioj 13, 14, 15, 16, ĝis placo Madou; de tie, piede laŭ Lovena ŝoseo ĝis place St-Josse-St-Joostplaats (5 minutoj).

De la Suda stacidomo : linio 15 ĝis placo Madou; de tie, piede tra Lovena ŝoseo ĝis place St-Josse-St-Joostplaats (5 minutoj).

Foriro je 9 h. 50 **precize.**
Reveno : **place Rouppe,** je 18 h. 45.
Prezo de la tuttaga veturado, 60 fr.
Je tagmezo malvarma manĝo. Prezo (servo enkalkulita), 40 fr.

* * *

**Nia Kongreso rapide alproksimiĝas...**

Se vi ne ankoraŭ aliĝis, plenigu tuj la ĉi kunan aliĝilon kaj resendu ĝin al Belga Ligo Esperantista, 19, avenue Montjoie, Bruselo, samtempe kun la mono. Aliaj aliĝiloj, se necese, estas haveblaj ĉe la sama adreso.

**Fervoja rabato :** 25 % sur la normala prezo de simplaj biletoj ir- kaj revenvojaĝo. Specialaj rabatkartoj estos dissendataj al ĉiu kongresano.

Por certigi bonan disvolviĝon de la diversaj aranĝoj, estas necese ke la L. K. K. kiel eble plej frue sciu pri la nombro de la partoprenantoj. Por kelkaj aranĝoj la nombro estas limigata al tiu de la antaŭmendintoj, kaj lastminutaj mendoj ne plu povos esti konsiderataj.

Se vi bezonas klarigojn, sciigojn, kian ajn helpon, turnu vin al la samideanoj, kiuj portas kongres-insignon kun **verd-ruĝa** rubando.

**Dua listo de Kongresanoj.**

67. S-ino M. WEYN (Bruselo). — 68. S-ro J. SOYEUR (Seraing). — 69. Pastro C. DRIESSEN (Hamont). — 70. S-ro J. KOEUNE (Verviers). — 71. S-ino G. KOEUNE (Verviers). — 72. S-ro A. THUNUS (Robertville). — 73. F-ino Ed. LOWARD (Verviers). — 74. S-ino G. PIERRE (Bruselo). — 75. F-ino M. PIERRE (Bruselo). — 76. S-ro J. VERMEERSCH (Bruĝo). — 77. S-ro R. BRIHAY (Bruselo). — 78. F-ino H. BRACK (Antverpeno).

## LA VOJAĜO DE PROF. D-RO IVO LAPENNA EN BELGUJO

La plej grava okazintaĵo de post la komenco de la nuna jaro en Brusela Esperantista Grupo estis la eksterordinara kunveno de la 2a de Marto, kiam Profesoroj Ivo Lapenna kaj Laurat parolis, francligve, publike, en la granda aŭditorio de la Ateneo Robert Catteau, 49, rue Ernest Allard, en Bruselo.

Ĉiuj esperantistoj konas la reputacion de brila parolanto de D-ro Lapenna: ĉiuj kiuj aŭskultis lin ĉe la kongreso en Parizo nepre volis reaŭdi lin, kaj por la aliaj estis mirinda okazo vidi nian eminentan samideanon. Por la neesperantistoj, franclingvanoj, estis ebleco de serioza informado.

La titolo de la parolado estis: « Problemo de la internacia lingvo; ĝia solvo per Esperanto ». La oratoro prezentis la problemon sub speciale sociologa vidpunkto. Unue, li parolis pri la deveno kaj la evoluo de ĉiu lingvo, de la sociaj kaŭzoj kiuj disvolvas ĝin. Malsimilecoj disigas la diversajn lingvojn; similecoj ilin alproksimigas. Nuntempe, dank'al la granda nombro de tutmondaj interrilatoj, la lingvoj internaciiĝas. Tiu fakto (kun la egaleco de kulturoj kaj civilizacioj) estas la bazo mem de nia Esperanto.

Due, D-ro Lapenna klarigis la evoluon de Esperanto kaj la aspektojn de ĝia uzado praktika. Li rimarkigis ke pli ol 14.000 verkoj estas eldonitaj en Esperanto (tradukoj aŭ originalaĵoj), ke ĵurnaloj kaj revuoj (eĉ fakaj) aperas regule en la tuta mondo, ke radiostacioj dissendas esperantlingve. Esperanto estas uzata en turistaj organizaĵoj, en internaciaj rilatoj de intelektuloj, en komerco, en kongresoj naciaj kaj internaciaj.

Fine D-ro Lapenna aludas la idealan flankon de nia lingvo: Esperanto estas ligilo inter ĉiuj homoj, naskas senton de solidareco ĉe la Esperantistoj. Kiel la naciaj lingvoj kreas apartenecon al iu lando, tiel la internacia lingvo kreas ĉe siaj parolantoj aliĝon al pli larĝa socio, tio estas al tuta Humaneco.

La nombraj aŭskultintoj vigle aplaŭdis la altaniman prelegon de nia eminenta samideano.

Ĉar la lernejo devis fermi je la 21a, la gesamideanoj, respondante amase al la invito de la Prezidanto, D-ro Kempeneers, daŭrigis la kunvenon en la grupejo « Brasserie Saint-Martin », kie oni nur parolis Esperanton, kaj sentis vere la internan ideon, kaj moralan komforton.

Tiu bela vespero restos longtempe en la memoro de ĉiuj partoprenintoj.

S. OBOZINSKI.

•

La 3an de Marto, antaŭtagmeze, Prof. D-ro Lapenna alvenis en Antverpeno kaj estis bonvenigata, nome de la Grupo, de S-ro Gustave Vermandere, delegito de U. E. A. kaj prohonora vicprezidanto de la Grupo.

Post montro de la plej gravaj vidindaĵoj de la urbo, S-ro Lapenna estis akceptata ĉe S-ro Advokato Roost, kiu, ĉe agrabla teo, invitis la advokatestron, la antaŭajn estrojn, la sekretarion de la advokata societo kaj diversajn kolegojn, kiuj kun intereso aŭskultis multajn klarigojn de la vizitanto.

Vespere, okazis en « Witte Leeuw » bonega kunsido, organizata de E.K.I. Tiu ĉi kunsido estis ĉeestata de D-ro P. Kempeneers, vicprezidanto de U.E.A., kaj de S-ro Advokato Th. Van Gindertaelen, komitatano de U.E.A., de la estraroj kaj de multnombra membraro de la diversaj antverpenaj Grupoj.

S-ro Jaumotte, prezidanto de E.I.K.,

prezentis la oratoron, kies laŭdon li diris kaj ankaŭ lin kortuŝe dankis post la bela parolado kun lumbildo, kiun D-ro Lapenna faris pri sia lando, Jugoslavio.

La vizitinto estis tiel emociita pro la finaj vortoj de la prezidanto, kiu aŭdigis amatan, konatan voĉon el Jugoslavio, ke li ne plu trovis vortojn kaj ke ambaŭ enbrakiĝis...

Agrabla dancprogramo kompletigis tiun sucesplenan vesperon, dum kiu D-ro Kempeneers, kiel funkcianta prezidanto de U.E.A., estis farinta varman alvokon al ĉiuj, al daŭra laborado en la rangoj de U.E.A. kaj ankaŭ speciale, ĉiu por si, en sia propra profesia aŭ metia rondo.

M. JAUMOTTE.

---

## ĜENERALA LAŬLEĜA KUNSIDO

La anoj de R. B. L. E. estas petataj ĉeesti la jaran kunvenon, kiu okazos sabaton la 14an de Aprilo 1951, je 14 h. 15 en « Brasserie Saint-Martin », place du Grand Sablon, 38, Grote Zavelplein, en Bruselo.

TAGORDO

1. Raporto de la Administrantaro;
2. Aprobo de l'bilanco de l'jaro 1950;
3. Fiksado de la kotizo;
4. Budĝeto 1951;
5. Laŭstatutaj elektoj;
6. Diversaĵoj.

**Rimarko.** — La grupoj estas petataj proponi kandidatojn por la administrantaro. Grupanoj kiuj ne povas ĉeesti la ĝeneralan kunsidon povas anstataŭigi sin de alia membro, donante al li skriban ateston.

La Ĝenerala Sekretario,
Cl. VANDEVELDE.

La Prezidanto,
D-ro P. KEMPENEERS.

---

## BELGA KRONIKO

ANTVERPENO.

**Esperanto-Grupo « La Verda Stelo ».**

*(Poŝtĉeknumero : 726.54)*

La 2an de Februaro, diversaj gemembroj rakontis ĉiuspecajn detalojn pri la Karnavalfesto, antaŭ la du mondmilitoj en nia lando, kaj ankoraŭ nun en diversaj urboj.

Dimanĉon, la 5an, sekvis plej vigla kostumita balo, por kiu preskaŭ ĉiuj partoprenintoj sin alvestiĝis. La konkurso havis grandegan sukceson kaj la aro de organizintoj meritas gratulojn.

La sukceso de S-ro A. Faes, kiu la 9an paroladis pri « Nia historio inter 1810 kaj 1830 », estis tre granda.

Lundon, la 12an okazis la ekzameno post la vintra kurso, gvidita de S-ro Jaumotte, kaj jenaj gelernintoj akiris sian diplomon : S-ro Denis Holsters, F-inoj Henriette Heyens kaj Martha Vrints, S-ino A. Van den Driessche, F-inoj Maria Delafoille kaj Monique De Clercq; S-roj Aug. Toussaint kaj J. Verborgt, F-inoj Paula Van Herendael kaj Berthe Vandenput, S-roj M. P. Torbeyns kaj Jozef Vinck, F-inoj Maria Van Rijn, Rosa Verhoeven, Elisabeth Huygens, Irma Declerck, Dorothea kaj Margareta Van Rooy, S-ro A D'Haese kaj F-inoj Simonne De Witte, Maria Houbaert kaj Valentine Van Spitael.

La saman tagon, la sama profesoro malfermis novan kurson, por kiu enskribiĝis pli ol sesdek gelernontoj.

La 16an, okazis la diplomdisdono, dum kiu estis ankaŭ transdonata al dekkvar junaj gelernintoj, la « Esperanto-badge », kiun akceptis diversaj naciaj kaj internaciaj junular-organizaĵoj, inter kiuj la Ruĝa Kruco, la

skoltoj, k.t.p. En tiu ĉi okazo, temis pri kadetoj de la Ruĝa Kruco.

F-ino Monique De Clercq tre afable transdonis, kun varma dankesprimo, memoraĵon al la profesoro kaj dolĉaĵon al S-ino Jaumotte.

La 23an, dum amuza vespero, F-ino Hélène Hofkens, kiu, kun sia fratino, ĉiam helpas al la agrabligo de la kunsidoj, disdonis belegan kolekton de mempentritaj portretoj de preskaŭ ĉiuj kostumitoj de la balo.

S-ino Lecat siaflanke legis humoraĵon.

La 2an de Marto, S-ro Maur. Jaumotte, anstataŭante S-ron Sielens, prelegis pri sia vojaĝo al Danujo. S-ro De Ketelaere dankis vigle la paroladinton.

La 9an, okazis diskutvespero pri longaj kaj mallongaj jupoj. Tiu ĉi diskuto estis enkondukata de F-ino Mathilde Hofkens kaj multaj gemembroj, kun konvinko, partoprenis ĝin !

La 16an, F-ino Hélène Hofkens, unufoje pli, paroladis, nun pri « Rembrandt » kaj interesigis la multnombran ĉeestantaron dum tuta horo. S-ro Jaumotte ŝin tre kore dankis, pro ĉio farita kaj farota.

La 23an, okazis Sankta Vendredo-manĝo, post kiu diversaj membroj kunhelpis krei Paskan atmosferon, per la legado de tekstoj pri diversaj pri-paskaj temoj.

Kaj la 30a de Marto estis rezervata al la eduko kaj formado de gvidontoj por eksterlandanoj, kiuj vizitos la urbon; dum la lasta tago, la sabato, 31a, vidis la oficialan enkondukon de l' printempo, per gaja, amuza balo.

*Programo de la venontaj kunsidoj.*

Ĉiuvendrede, en « Witte Leeuw », Frankrijklei, je 19 h. 30 : perfektiga leciono; je la 20 h. 30 : kunveno.

*Aprilo.* — La 6an, parolata ĵurnalo, kun difinitaj rubrikoj, dividitaj inter la membraro; la 13an, preparo de la nacia kongreso, nia partopreno en la diskuto pri « Esperanto kaj radio », al la oratora konkurso kaj al la sabata festo; la 20an, parolado de S-ro Jules Verstraeten pri « Kiel kaj kial mi esperantistiĝis »; la 27an, dua parolado de S-ro Henri Sielens pri la literaturo esperanta (kun deklamaĵoj).

*Majo.* — La 4an, parolata ĵurnalo; la 11an, kongresatmosfero (lastaj aranĝoj por la vojaĝo); la 12an (sabaton), foriro el la Centra Stacidomo, je la 14a horo; la 18an, raporto pri la kongreso, parte farota de la diversaj partoprenintoj; la 25an: « Ni ekkonu nian urbon » (sekvo de la kunsido de la 30a de Marto): pratiko : kelkaj gemembroj priskribos promenadon tra la urba centro; la 26an (sabaton), vizito al la kermesa foiro.

*Junio.* — La 1an, parolata ĵurnalo; la 8an, amuza vespero.

(Ĉar verŝajne, dum tiuj monatoj, la membraro de la grupo estos duobliĝinta kompare al 1950, unu el la supraj programoj estos ĝustatempe anstataŭata per la festeno de « Duobligo de la membraro ». Speciala cirkulero avertos pri tio.)

BRUĜO.

## Bruĝa Esperantista Grupo.

La dua vintra balo okazis la 3an de Februaro en la dancejo « Tabarin ». Kiel kutime ĝi iĝis granda sukceso laŭ amuza kaj laŭ propaganda vidpunktoj.

Aliparte multaj gemembroj sekvas regule la ĉiumardajn kunvenojn, inter kiuj la sekvantaj estis plej notindaj.

La 6an de Marto, ĉiu ĉeestanto prezentis ĉu kanton, ĉu muzikludadon, ĉu eĉ mallongan sceneton, tiumaniere ke la vespero pasiĝis plej agrable. La 20an okazis vigla debato « Pri aŭ kontraŭ ĝazmuziko ». En ĝi ankaŭ partoprenis eksterlanda samideano, S-ro C. F. Elliott el Croydon. S-ro A. Bouquet, novlernanto, tre bone pledis « kontraŭ » kaj ilustris sian tezon per kelkaj ekzemploj fortepiane ludataj.

*Programo de la venontaj kunsidoj.*

Ordinara kunsido, ĉiumarde je la 20a en la sidejo « Gouden Hoorn - Cornet d'Or ».

La 24an de Aprilo, lasta leciono de la vintra kurso kaj poste *ekzameno pri simpla kapableco.*

La 1an de Majo komenciĝos *nova elementa kurso,* kiu daŭros ĝis fino de Septembro. La membroj estas do urĝe petataj fari viglan

propagandon apud amikoj kaj konatuloj, por alkonduki al ĝi plej multe da novaj gelernantoj. Ni pligrandigu nian membronombron, nur tiel ni akiros pli gravan forton por la ĝenerala progresigo de nia movado.

Tiu kurso estos donata dum la unua horo de ĉiu marda kunveno, la dua horo estante dediĉata al jena programo :

*Majo.* — 1an, raportado pri la foiro; 8an, kanta vespero; 15an, raportado pri la Belga Kongreso; 22an, portretludado; 29an, parolado de S-ro A. Bouquet, pri « Muzikarto ».

*Junio.* — 5an, triopa interparolado kun posta raportado; 12an, kanta vespero; 19an, debato pri Sunbanado; 26an, muzikludado, kantado kaj deklamado.

BRUSELO.

## Brusela Esperantista Grupo.

La ĝenerala statuta jarkunveno okazis la 22an de Januaro; kiel kutime, la Prezidanto, la Kasistino kaj la Sekretariino legis siajn raportojn, kiuj estis unuanime akceptataj. Sekvis la elekto de la komitatanoj por 1951. Estis elektitaj : S-ro Kempeneers, kiel prezidanton; S-ro Castel, vic-prezidanton; S-ino Plyson, kasistinon; S-ro Verdier, helpkasiston; F-ino Obozinski, sekretariinon; S-ino Ernst, helpsekretariinon; F-ino Kestens, bibliotekistinon.

La grupo ĝuis, dum Februaro kaj Marto rimarkindajn prelegojn, inter aliaj tiujn de S-ino Lecat, pri « Sekreta Egiptujo » kun instruigaj dokumentoj, kaj de S-ino Elly Staes pri « Orhestro kaj ĝiaj instrumentoj ». Tiu lasta estis ilustrita (dank'al la helpo de D-ro Kempeneers) de aliŝoj montrante ĉiujn menciitajn instrumentojn; diskoj aŭdigis aparte ĉiun instrumenton ludantan elektitan muzikaĵon.

Krom la ciom alloga parolata jurnalo, menciindaj estas la unua parolado de S-ino Castel... kun manĝeblaj ekzemploj, kaj la preskaŭ improvizita (ankaŭ unua ĉe nia rondo) parolado de S-ino Weyn, pri la flandra komponisto K. Van Hulse, fama en USONO. S-ino Weyn anstataŭis S-inon Sengel senkulpigita.

*Programoj de la estontaj kunvenoj.*

Ĉiulunde, je 20 h. 30. Ejo : Brasserie Saint-Martin, place du Grand Sablon, 38, Grote Zavelplein.

*Aprilo.* — La 2an, parolata jurnalo; la 9an, S-ro Van der Stempel, « Artefaritaj havenoj »; la 16an, S-ino Staes-Vandevoorde, « Peter Benoit »; la 23 an, S-ro Genin, « Miaj tradukoj »; la 30an, S-ino Stern, teatraĵeto « La Saluĵo » kun F-ino Kestens kaj S-ro Jirousek.

*Majo.* — La 7an, parolata ĵurnalo; la 14an, Pentekosto, nia nacia kongreso en Bruselo; la 21an, F-ino Obozinski, « Amo kaj kuirarto »; la 28an, S-ro Verdier, « Submaraj esploradoj ».

*Junio.* — La 4an, parolata ĵurnalo; la 11an, S-ro Castel, « La bestoj kaj ni »; la 18an, S-ino Couvreur, « Korsiko la bela »; la 25an, S-ro L'Host, « Ĉielaj kuriozaĵoj » (daŭrigo).

*Julio.* — La 2an, parolata ĵurnalo.

GENTO.

## Genta Esperantista Grupo.

Gent'a grupo daŭrigas siajn ĉiuduonmonatajn kunsidojn, dum kiuj grupano paroladetas pri temo iom faka. Tiuj paroladetoj estigas interŝanĝon de lingvaj instruigaj rimarkoj. Dum la du lastpasintaj monatoj, parolis : S-ino De Rijcke pri « la diversaj specoj de poŝtmarkoj »; S-ino Van Wanseele pri « la origino de la soldata saluto »; S-ro Van de Voorde pri « strata obstrukcio pro la kunekzisto de tramveturiloj kaj de aŭtomobiloj »; S-ino Gruslet pri « milita servado de maljuna kolombo ».

VERVIERS.

## Verviersa Esperantista Grupo.

Kunvenos la merkredojn 2, 16 kaj 30 de Majo, 13 kaj 27 de Junio.

La programo estos : ĝenerala debato kaj perfektigaj ekzercoj.

La 19an de Aŭgusto, internacia renkontiĝo por gesamideanoj el Limburga Nederlando kaj Lieĝa provinco. Programo : muziko, raportoj, promenado, diversaj ludoj.

NIA VOĈO — ORGANO DE LA JUNULARA SEKCIO DE REĜA BELGA LIGO ESPERANTISTA —

1a Jaro — Aprilo 1951 — N-ro 4a

## NATIONAAL KONGRES

De datum van ons Belgisch Esperanto-Kongres nadert met rasse schreden.

Het programma, zoals het reeds bekend is, belooft bijzonder belangwekkend te zijn : ontvangst ten stadhuize van Brussel door de heer Burgemeester; redevoeringen langs de radio; groot dansfeest, allerlei attracties: een goochelstond; een poppenspel; klassieke dansen en zelfs... een verrassingsuitstap van één dag.

Niets zal er aan ontbreken.

Talrijke groepen jongeren hebben ons hun inzicht te kennen gegeven, om eraan deel te nemen : schoolafvaardigingen, scouts, Rode Kruis-kadetten, J. H.-ers en zo meer.

Ook hebben we van nu af voor goedkoop logies gezorgd, voor hen die niet in de hoofdstad wonen en niet wensen in een hotel te overnachten. Slaapgelegenheid wordt voorzien of in het Huis der Jongeren, Strostraat, of in het Tehuis der Jeugd, Louis Hapstraat, te Etterbeek.

Bovendien werden voor de jongeren van de Nationale Maatschappij der Belgische Spoorwegen verminderingen bekomen van 25 %.

Jonge vrienden al tegaar...

Schrijf in groten getale in voor ons Nationaal Kongres 1951. Ge zult er onvergetelijke en onvergankelijke herinneringen van behouden.

Voor de bijzonderheden betreffende het Kongres, kijkt ge naar blz. 13 en 14.

LA LOKA KONGRESA KOMITATO.

## CONGRES NATIONAL

Voici que la date de notre Congrès Belge de l'Esperanto approche tout doucement.

Le programme des activités s'avère, dès à présent, des plus intéressant : réception à l'Hôtel de Ville de Bruxelles par M. le Bourgmestre, grande soirée dansante, attractions diverses, dont une séance de prestidigitation, de marionnettes, une exhibition de danses classiques, et même... un voyage surprise d'un jour.

Rien n'y manquera.

De nombreux groupes de jeunes nous ont fait part de leur désir d'y assister, délégations d'écoles, de scouts, de cadets Croix-Rouge, d'A-Jistes, etc.

Aussi avons-nous prévu du logement à bon marché pour ceux qui ne désirent pas loger à l'hôtel, et qui n'habitent pas la capitale. Des dortoirs seront prévus, soit à la Maison des Jeunes, rue de la Paille, soit au Home de Jeunesse, rue Louis Hap, à Etterbeek.

De plus, d'intéressantes réductions ont été obtenues pour les jeunes, par exemple 25 % de réduction sur les chemins de fer belges.

Jeunes... Jeunes... Jeunes...

Inscrivez-vous en masse au Congrès National 1951. Vous en emporterez des souvenirs inoubliables et inégalables.

Voir tous détails sur le Congrès en pages 13 et 14.

LA LOKA KONGRESA KOMITATO.

## INFORMOJ PRI UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

### Internacia Konkurso.

Por 1950 gajnis la konkurson Hispanujo al kies Asocio U. E. A. jam sendis la premion. Ĉiu delegito en Hispanujo ricevos, laŭ listo al kiu ili elektos, libro-premion. Gratulon al la bonaj laborantoj en tiu lando !

### Revuo « Esperanto ».

La oficiala organo de U. E. A. jam de la numero de januaro 1951 aperas kun nova formato 20 × 14 cm. Specimena numero estas senpage ricevebla kontraŭ peto ĉe Universala Esperanto-Asocio, Rickmansworth (Herts.), Anglujo.

## NOUVELLES DE BELGIQUE

### Première liste provisoire de délégués.

*Anvers :*

Délégué général : M. Roger JAUMOTTE, 44, avenue De Bruyn, Wilrijk.

*Bruges :*

Délégué général : M. Karlo POUPEYE, 32, Elf Julistraat.

*Bruxelles :*

Délégué général : M. Jacques VERDIER, 76, avenue Marie-José, Woluwe-St-L.

Délégué écoles : M. Raymond PETIT, 29, avenue de la Poésie, Anderlecht.

Nous rappelons que lors du Congrès National de Bruxelles aura lieu, à la Section des Jeunes, l'élection des membres du Comité National des Jeunes; nos listes actuelles de délégués ne sont que provisoires.

Ami lecteur, amie lectrice, quels que soient la ville ou le village que tu habites, l'école, l'atelier ou le bureau où tu travailles, le mouvement, le club ou la société dont tu t'occupes, rappelle-toi que nous y cherchons un ou une délgué(e).

L'ensemble de ces délégués et déléguées formera nos cadres, et parmi eux seront élus, pour remplacer les membres actuels du Comité, un nouveau président national, un nouveau vice-président national, un nouveau secrétaire national, un nouveau trésorier national, etc., etc.

Nous devons avoir, par exemple, dans CHAQUE école, des délégué(e)s, ayant à leur tour des délgué(e)s dans chaque classe, et ainsi dans chaque groupement, chaque institution, etc.

Nous devons OBLIGER les anciens, les vieux, les profs, les patrons, à s'INCLINER DEVANT L'EVIDENCE, c'est-à-dire d'abord devant l'utilité de l'Esperanto, ensuite devant notre VOLONTE de le voir employé partout.

Amie lectrice, ami lecteur, écris-nous, donne-nous ton avis, tes suggestions; fais-nous part de tes désirs, de tes vœux.

LE COMITE DES JEUNES.

## NIEUWS UIT BELGIE

**Eerste voorlopige lijst van afgevaardigden.**

*Antwerpen :*

Algemeen afgevaardigde : de heer Roger JAUMOTTE, De Bruynlaan, 44, Wilrijk.

*Brugge :*

Algemeen afgevaardigde : de heer Karlo POUPEYE, Elf Julistraat, 32, Brugge.

*Brussel :*

Algemeen afgevaardigde : de heer Jacques VERDIER, Marie-Josélaan, 76, St-Lamberts-Woluwe.

School-afgevaardigde : de heer Raymond PETIT, Dichtkunstlaan, 29, Anderlecht.

Wij herinneren eraan dat, tijdens het Nationaal Kongres te Brussel, in de Afdeling voor Jongeren de verkiezing zal plaats hebben van de leden van het Nationaal Comité der Jongeren en dat onze huidige lijst van afgevaardigden slechts een voorlopig karakter heeft.

Beste vriend en vriendin, Welke ook de stad of het dorp weze, waar ge woont; welke de school, de werkplaats of het bureel, waar ge werkzaam zijt; welke de beweging, de club of groepering, waarin ge ijvert... denk eraan dat we er een afgevaardigde zoeken !

Het ensemble onzer afgevaardigden zal onze kaders vormen en onder hen zullen, ter vervanging der huidige comitéleden, een nieuwe nationale voorzitter, een nieuwe ondervoorzitter, een nieuwe algemene secretaris, een nieuwe schatbewaarder, enz., worden gekozen.

Het ligt in onze bedoeling in ELKE school een afgevaardigde te hebben, die op zijn beurt een vertegenwoordiger moet hebben in elke klas; hetzelfde geldt voor elke groepering, elke inrichting, enz.

Wij moeten de ouderen en de ouden, de leraars en de patroons, VERPLICHTEN zich GEWONNEN TE GEVEN, d.w.z. het nut van Esperanto te erkennen en ook onze WIL, om het overal gebruikt te zien.

Vriend en vriendin lezer(es), schrijf ons, geef ons raad, maak ons uw voorstellen, uw wensen en verlangens bekend.

HET COMITE DER JONGEREN.

## NIEUWS UIT DE WERELD

### Denemark.

S. E. K. (Studenta Esperanto-Klubo) schrijft ons :

Van 3 tot 17 Juli 1951 zal, op het eiland Bornholm, — het Deense paradijs nabij het dorp Dalshöj, — een jamboree plaats hebben, ingericht in samenwerking met het Internationaal Deens Studenten Comité.

Gedurende deze bijeenkomst, die vijftien dagen duren zal en die voor de tweede maal wordt ingericht, zullen oudheidkundige opgravingen en navorsingen worden gedaan in het oude versterkte dorp der Vikings, Aggersborg.

De Deense regering zal deze opzoekingen geldelijk steunen. Zij zullen gedaan worden uitsluitend door jongeren, onder de leiding van oudheidkundigen van het National Museum van Kopenhagen.

Van 18 tot 22 Juli zullen dezelfde jongeren uitgenodigd worden voor een verblijf te Kopenhagen zelf.

Mogen er aan deelnemen : scholieren, studenten, hoogstudenten, seminaristen, onderwijzers, leraars, enz.

Het verblijf van 3 tot 17 kost 8 Deense kronen en de reis, die per vliegtuig van de S. A. S. zal doorgaan, zal evenveel kosten als de gewone derde klas-spoorreis.

Voor alle inlichtingen wende men zich : Dana Internacia Studentkomitato, Universitato, Sct. Pederstraede 19, Kobenhavn K (Danmark).

### Frankrijk.

De Parijse Esperanto-groep viert haar vijftigjarig bestaan. Zij werd gesticht door de heer Gaston Moch, vader van de huidige Minister van Landsverdediging.

### Duitsland.

Het volgend Internationaal Esperanto-Kongres zal te Munchen plaats hebben van 4 tot 11 Augustus 1951. Herinneren we eraan dat het Kongres in 1950 te Parijs, in de Sorbonne, doorging, en dat er 2.500 afgevaardigden uit heel de wereld aan deelnamen.

## NOUVELLES DU MONDE

### Danemark.

S. E. K., Etudenta Esperanto-Klubo (Club Esperanto estudiatin) nous écrit :

Du 3 au 17 juillet 1951 aura lieu, dans l'île de Bornholm — le paradis danois, près du village de Dalshöj, — un jamboree organisé en collaboration avec le Comité International Danois des Etudiants.

Pendant cette réunion de quinze jours, deuxième activité internationale de ce genre, auront lieu des fouilles et des recherches archéologiques dans l'antique village fortifié des Vikings, Aggersborg.

Le gouvernement danois subventionnera ces recherches, qui seront effectuées uniquement par des jeunes, sous la direction d'archéologues du Musée National de Copenhague.

Du 18 au 22 juillet, ces mêmes jeunes seront invités à séjourner à Copenhague même.

Peuvent participer : écoliers, étudiants, universitaires, séminaristes, instituteurs, professeurs, etc.

Le coût s'élèvera à 8 couronnes danoises du 3 au 17, et le voyage s'effectuera en avion par la S. A. S. pour la somme équivalente au prix d'un voyage en troisième classe par chemin de fer.

Adresser toutes demandes à Dana Internacia Studentkomitato, La Universitato, Sct. Pederstraede 19, Kopenhago K.

### France.

Le Groupe de Paris fête son 50^me^ anniversaire. Il fut fondé par M. Gaston Moch, père de l'actuel Ministre de la Défense Nationale.

### Allemagne.

Le prochain Congrès International de l'Esperanto aura lieu à Munich du 4 au 11 août 1951. Rappelons que le Congrès de 1950 eût lieu à Paris, à la Sorbonne, et réunit deux mille cinq cents délégués du monde entier.

## BIBLIOGRAFIO

RETORIKO de P-ro Ivo Lapenna, 220 paĝoj. Havebla ĉe Belga Esperanto Instituto, p.ĉ.k. 1689.58. Prezo 75 fr.

La libro estas originale verkita en Esperanto; ĝi aparte konsideras la parolarton. La unua parto pritraktas lingvajn problemojn: ekesto, evoluo, formiĝo, rilatoj inter lingvo kaj penso. La dua parto estas dediĉita al elokventeco, fizikaj, intelektaj, moralaj ecoj de la oratoro, al la publiko, al la parolado mem. En la eldono troviĝas kelkaj paroladoj, inter aliaj la parolado kiun la aŭtoro eldiris dum la malferma kunsido de la 35a Universala Kongreso en Parizo.

Ĉiuj ĉeestantoj certe volos ĝin relegi; la aliaj volos ĝin ekkoni.

LA NOVA ERAO. — *La Erao de la Tutmondeco kaj Esperanto* parolado farita en la aŭditorio de la Militista Klubo, la 16an de Julio 1948, de D-ro M. A. Texeira de Freitas, prezidanto de la Brazila Societo de Statistiko; *Urbo Belo Horizonte*, destinita signi la realigon, en la ĉefurbo de Ŝtato Minas Gerais, de la 21a ĝis la 28a de Septembro 1949, de la XIIa Brazila Kongreso de Esperanto; kaj *Por iu pli bona mondo*, dediĉita de Brazila Instituto de Geografio kaj Statistiko al la XXIIa Internacia Kongreso de Katolikaj Esperantistoj, okazinta en Romo dum la Sankta Jaro 1950.

Tiujn tri verkojn eldonis Brazila Instituto por Geografio kaj Statistiko, kiel kontribuon de la Instituto al la pli granda disvastigo de la Helpa Lingvo.

*Por pli bela estonto*, n-ro 1a, 1-XII-50 estas gazeto de Esperantista Klubo de Tokio-Universitato. Adreso, Tokio, Meguro-ku, Komaba 865, Japanujo.

— *Le sentier bouddhique*. En nia n-ro 1 de 1951, ni erare anoncis ke S-ro Kiere, 64, rue Branche, Ans, eldonato de tiu revuo ankaŭ *eldonas* esperantlingvan bultenon « La Dharmo ». Li petas ke ni sciigu al la gesamideanoj ke li nur estas reprezentanto en Belgujo de tiu revuo.

## ESPERANTISTA KRONIKO

NEDERLANDO. — Internaciaj someraj kursoj okazos de la 27a de Julio ĝis la 2a de Aŭgusto 1951 en Soesterberg. Informoj: C. B. Sondervan, J. P. Sweelinckstraat, 2, Deventer (Nederlando).

HISPANUJO. — Pro interna milito, tiu lando restis longe ekster la Esperanta Movado. Nun la propagando por Esperanto revivas. En Sabadell ekzistas, de unu jaro, Esperanta Grupo. Al niaj Hispanaj samideanoj ni deziras plenan sukceson.

## FAMILIA KRONIKO

BRUSELO.

— Naskiĝis fileto Paul al Ges-roj Gorgemans-Derks, membroj de Brusela Grupo (17-2-1951). Simpatiajn gratulojn al gepatroj kaj al bubeto.

— F-ino Ariane Lefebvre, filino de S-ino Elsie Lefebvre-Janssen, edziniĝis kun S-ro Jacques Cavennile.

Niajn korajn gratulojn al la gepatroj kaj sincerajn bondezirojn al la juna paro.

## NEKROLOGO

— Ano de Gent'a Grupo, S-ro M. Van de Voorde, informis pri la morto de bofratino. Al gesinjoroj Van de Voorde, ni prezentas nian samideanan kondolecon.

— La 28an de Februaro, mortis en Moerkerke « Altena », S-ino Marie Boedt-Thooris, eksmembrino de la Bruĝa Grupo, fratino de F-ino Yvonne Thooris, honora prezidantino de tiu grupo.

« Belga Esperantisto » esprimas sincerajn kondolecojn al la funebranta familio.

— Ni sciiĝas pri la morto de S-ino Lucie Janssens-Baugniet, patrino de S-ino Faes-Janssens. Ni prezentas al Gesinjoroj August Faes, gemembroj de « La Verda Stelo », nian plej sinceran simpati-esprimon.

## KORESPONDEJO

— 14jara knabino deziras korespondi kun samaĝaj gelernantoj. Elisabeth Urba, Wien 16, Neulerchenfelderstr. 51/19.

# BELGA ESPERANTO INSTITUTO

Koopera Societo.

**26, Oostenstraat - Antwerpen.**

Registro de Komerco : Antverpeno 16.337. Poŝtĉekkonto 1680.58

---

Ni komencas hodiaŭ la aperigon de nova librolisto. Tiu ĉi listo ne estos kompleta nek limiga. Ĝi precipe montras la titolojn de la libroj troviĝantaj en nia magazeno. Kelkaj el tiuj libroj estas jam elĉerpitaj aliloke kaj ni povas ilin liveri nur, ĝis, la fino de nia propra provizo. Librojn ne menciitajn en nia listo oni povas ankaŭ mendi. Por enlandaj mendoj, ni ne kalkulas afrankon al ordinaraj klientoj. Por sendaĵoj kontraŭ repago aŭ rekomenditaj, ni kalkulas po Fr. 3.—. Eksterlandanoj aldonu 10 % al la suma valoro de la mendo. Validajn respondkuponojn ni akceptas je valoro de po Fr. 4.—.

## LERNOLIBROJ

| | |
|---|---|
| A B C Libro - por infanoj ... fr. | 7.— |
| A.P.P.K. : Cursus van Esperanto per briefwisseling in 25 lessen ... | 50.— |
| AYMONNIER : Cours méthodique d'Esperanto; grammaire ... | 20.— |
| BAKKER, H. : Esperanto in een doosje ... | 50.— |
| BARBUSSE : Cours rationnel et complet d'Esperanto ... | 30.— |
| BASTIEN : Vocabulaire de poche Esperanto-Français et Français-Esperanto ... | 16.— |
| BAYOL (Lieutenant) : Esperanto et Croix Rouge ... | 8.— |
| B. E. I. : Esperanto cursus per briefwisseling in 5 lessen... | 20.— |
| Cours d'Esperanto par correspondance en 5 leçons ... | 20.— |
| BENINK, G. H. : Beknopt leerboek voor Esperanto ... | 25.— |
| Vertaalde oefeningen daarbij ... | 10.— |
| Esperanto leerboek ... | 32.— |
| Vertaalde oefeningen daarbij ... | 25.— |
| BONNEHON & ROSIAUX : Petit cours primaire d'Esperanto ... | 12.— |
| BUIS & FAULHABER : Hoe kan ik het in Esperanto zeggen ? ... | 5.— |
| BUTLER, M. C. : First steps in Esperanto ... | 5.— |
| Step by step in Esperanto ... | 58.— |
| CARL & PAGNIER : L'Esperanto en dix leçons ... | 10.— |
| CART & PROCUREUR : Corrigé de l'Esperanto en dix leçons... | 3.— |
| CART & ROBERT : Notions élémentaires d'Esperanto ... | 3.— |
| CHAVET & WARNIER : Esperanto-Manuel... | 40.— |
| DEBROUWERE : Zakwoordenboekje Nederlands-Esperanto en Esperanto-Nederlands. | 3.— |
| DE BRUIN, G. P. : La komencanto ... | 21.— |
| DIRKSEN : Methodisch leerboek van Esperanto ... | 17.— |
| Vertaalde oefeningen daarbij ... | 8.— |
| ESPERANTO : Cours pratique : Elémentaire ... | 35.— |
| Supérieur ... | 20.— |
| Complet ... | 50.— |
| ESPERANTO : Leerboekje... | 1.— |
| Premier manuel ... | 1.— |
| GROSJEAN-MAUPIN : Dictionnaire complet Français-Esperanto ... | 96.— |
| HEROLDO : Taschenwörterbuch ... | 15.— |

| | |
|---|---|
| JUNG & WINGEN : Das leichte Esperanto | 13.— |
| Kompletny Samouczek jezyke Esperanto | 10,— |
| PRIVAT, E. : Kursa lernolibro | 10,— |
| RANDL, F. : Leerboek van Esperanto | 30,— |
| SCHIDLOF's zakwoordenboekje Esperanto-Nederlands en Nederlands-Esperanto | 45,— |
| SOLOMON, G. Gl. : Esperanto por infanoj | 14,— |
| SZILAGYI (D-ro F.) : Leerboek van Esperanto | 20,— |
| A practical course in Esperanto | 15,— |
| Curso práctico de Esperanto | 10,— |
| Ŝlosiloj de Esperanto : flandra (nederlanda) | 1,— |
| Albana, angla, araba, dana, finna, franca, hispana, hungara, itala, malaja, norvega, romanĉa, rumana, sudafrika, sveda, po | 2,— |
| WITTERYCK : Interparoladoj Nederlandaj-Esperantaj | 10,— |
| Interparoladoj Francaj-Esperantaj | 10,— |
| ZAMENHOF, L. L. : Fundamento de Esperanto (nederlanda) | 10,— |
| Fundamento de Esperanto (franca) | 10,— |
| ZONDERVAN, C. B. : Vortoj kaj esprimoj por komencantoj | 16,— |

KELKAJ FACILAJ LEGOLIBROJ POR KOMENCANTOJ

| | |
|---|---|
| BAGHY, Julio : La verda koro | 21,— |
| BARTELMES, N. : Petro | 20,— |
| BETTS, F. F. : Johano kaj Silvio | 8,— |
| BOREL : Legolibreto | 4,— |
| KENNGOTT : Internacia dialogaro | 7,— |
| KONVERSACIA LITERATURO (8 broŝuretoj po fr. 2,—) kune | 16,— |
| REBERS, A. : La unuaj paŝoj en nova mondo (5 broŝuretoj) kune | 12,— |
| SCHNEIDER-CARLSSON : Barbro kaj Eriko | 7,— |
| TOSCANI : Rakontoj por geknaboj | 7,— |

PERFEKTIGAJ LERNOLIBROJ

| | |
|---|---|
| BASTIEN : Naŭlingva etimologia leksikono | 90,— |
| BRIQUET : Medicina vortaro | 100,— |
| DREHER : Supera kurso de Esperanto | 20,— |
| DEGENKAMP, G. J. : Leidraad bij de studie van de Esperanto-literatuur | 7,— |
| » De voorzetzels in het Nederlands en in Esperanto | 21,— |
| FAULHABER, F. : Tra la labirinto de la gramatiko (por nederlandlingvanoj) | 85,— |
| Gebonden stijl; over poëzie in Esperanto | 6,— |
| FRUICTIER, P. : Kompleta gramatiko kaj vortfarado de Esperanto : broŝ. | 40,— |
| bind. | 60,— |
| JAUMOTTE, M. : Kompleta Esperanta rimvortaro | 10,— |
| LAPENNA, I. : Retoriko (kun aparta konsidero al Esperanta parolarto) | 80,— |
| MODRIJAN, Fr. : Elementoj Latinaj en Esperanto | 15,— |
| PLENA VORTARO DE ESPERANTO | 177,— |
| TERMINAROJ de diversaj aŭtoroj : | |
| BUTLER & MERRICK : Muzika terminaro | 7,— |
| CLISSOLD : Marista terminaro | 12,— |
| MILDWURF (D-ro A.) : Leĝa terminaro | 7,— |
| VERDA, M. & V. : Kudra kaj trika terminaro | 7,— |
| WUESTER, E. : Maŝinfaka Esperanto-vortaro | 15,— |

*(Sekvo en la venonta kajero.)*

# NIA VOĈO

DUMONATA GAZETO

1a Jaro - N-ro 4a

-- Aprilo 1951 --

FONDITA 1922

ORGANO DE LA JUNULARA SEKCIO DE REĜA BELGA LIGO ESPERANTISTA A. S. P. C.

ADRESO : 19, av. Montjoie, BRUSELO

Respondeca redaktoro : J. Verdier.


Notre planète ne sera plus hypertendue lorsque tous les hommes parleront l'ESPERANTO.




Onze planeet zal niet meer overspannen zijn als alle mensen ESPERANTO spreken.

Adhérez à notre « Section des Jeunes »   Treed toe tot onze « Jeugdafdeling »

# REĜA BELGA LIGO ESPERANTISTA

ASOCIO SEN PROFITA CELO

*Prezidanto* : D-ro P. KEMPENEERS, 19, avenuo Montjoie, Bruselo.
*Vic-Prezidantoj* : S-ro M. JAUMOTTE, 44, avenuo De Bruyn, Wilrijk-Antwerpen.
S-ro A. TASSIN, 1, rue Saint-Joseph, La' Louvière.
*Ĝenerala Sekretario* : S-ro Cl. VANDEVELDE, 178, Peter Benoitlaan, Merelbeke.
*Sekretario* : S-ro J. VERDIER, 78, avenue Marie-José, Woluwe-Saint-Lambert-Bruselo.
*Kasistino* : S-ino J. PLYSON, 185, rue Jourdan, Saint-Gilles-Bruselo.

KOMBINATAJ KOTIZOJ

## Reĝa Belga Ligo Esperantista kaj Universala Esperanto Asocio

| | A. | B. | C. |
|---|---|---|---|
| I. *Simpla membreco* (enhavas membrecon al la loka Grupo — se ekzistas — al la Ligo kaj al la internacia organizaĵo; rajtigas ricevi la nacian gazeton « Belga Esperantisto » kaj la internacian kuponaron por servoj) ... ... ... ... | 20,— | 40,— | 80,— |
| *Familia membro* (same, escepte la gazeton) ... ... ... ... | | | 40,— |
| II. *Membreco kun individua aliĝo* al la internacia organizaĵo : | | | |
| a) *Membro kun Jarlibro* : kiel simpla membro; ricevos krome la Jarlibron kaj ĝian aldonon ... ... ... ... ... ... | 55,— | 75,— | 115,— |
| b) *Membro Abonanto* : kiel membro kun Jarlibro; ricevas krome la monatan internacian gazeton « Esperanto » ... | 110,— | 130,— | 170,— |
| c) *Membro Subtenanto* : kiel membro abonanto; pagas pli altan kotizon por helpi la movadon ... ... ... ... ... | 240,— | 260,— | 300,— |

III. *Bonfaranta Membro* memvole aldonas almenaŭ 25 fr. al sia kotizo, speciale por helpi al R. B. L. E.

Pagu al via loka grupo; se ne ekzistas, al poŝtĉekkonto 1557.67 de Reĝa Belga Ligo Esperantista.

A. Kadetoj (ĝis 18 j.); B. Junuloj (ĝis 21 j.); C. (21 j. kaj pli)



Imp. LIELENS, s.p.r.l., 18, rue de la Princesse, Brux. — Tél. 21.10.98